Nova Serio 1a jaro. No. 1. ★ JANUARO 1921.

Unum ovile et unus pastor.
Unu ŝafejo kaj unu paŝtisto.
(Joh. X., 16.)

# ESPERO KATOLIKA

INTERNACIA MONATA GAZETO. OFICIALA ORGANO DE LA INTERNACIO KATOLIKA.

## Feliĉan, benoplenan jaron 1921

deziras elkore al ĉiuj „Ika" kaj „E. K."-anoj

**la Redakcio kaj la Administracio de „Espero Katolika".**



**La Centra Administra Oficejo de „Ika" en Graz, Aŭstrujo-Stirio, Karmeliterplatz 4/5.**

# Katolikismo kaj internaciaj rilatoj.

La ideo de homara unueco trovas ŝin firmegan neŝanceleblan fundamenton en la Biblio, kie ni sciiĝas, ke la diversaj popoloj estas membroj de unu granda familio.

Al tiu kono de persanga parenceco la Sankta Evangelio aldonis la ideon de la frateco en Jesuo Kristo. Laŭ la kredo de la eklezio ne ekzistas diferenco inter popoloj kaj rasoj. Kristo sendis siajn apostolojn al ĉiuj popoloj, kaj la nomo de la katolika eklezio markas, ke ĝi estas superŝtata organizo kuniganta la homojn de ĉiuj landoj sur la tero.

La historio de la homaro estas senĉesa batalo inter la Ŝtato de Dio (Civitas Dei) kaj la Ŝtato de la Mondo, t. e. la materialista koncepto de la vivo. Dum la Kristana ideo intencas ekzistigi harmonion inter individuoj, ŝtatoj kaj popoloj, dum ĝi klopodas, el ĉiuj membroj de la homa familio kvazaŭ konstrui imponan gotikan preĝejon, en kiu ĉiuj ŝtono, kolono, pilastro, arkaĵo, statuo havas propran sian celon kaj devas harmoniiĝi kun la tuto, la materialismo, male, proponas al individuoj kaj popoloj sendependajn memcelojn kaj disigas tiamaniere la sociajn klasojn kaj la homajn rasojn.

Ĉiam, kiam la homaro estis disigita per longdaŭraj militoj, oni sentis la necesecon ne nur spiritan sed ankaŭ ekonomian de unuiĝo. Niaj nuntempaj spertoj estas similaj al tiuj dum la tridekjara milito.

Ankaŭ tiutempe oni treege sentis la bezonon, restarigi la rompitan harmonion inter la Kristanaj popoloj, kaj dum tiu tempo du grandaj intelektoj esprimis kun scienca metodo tiun deziron de la homaro. Unu el ili, la Franca monaĥo Emeriko Cancé, estis ĝis la plej novaj tempoj preskaŭ forgesita, la alian, la Holandan juriston Hugo Grotius, nun oni ofte nomas kiel la fondinton de la internacia juro kaj de la Ligo de Nacioj. Tamen li mem diras, ke liaj fontoj estis la grandaj scienculoj de la „neoskolastikismo“, precipe la Hispana Dominikano Victoria kaj la Jezuito Suarez.

Laŭvere ni trovas la fundamenton de la grandaj pensoj kaj ideoj, kiuj movas la modernan tempon ĉe la katolikaj scienculoj de mezepoko en ofte forgesitaj, de polvo kovritaj grandfoliaj verkoj, kaj bedaŭrinde ankaŭ niaj modernaj katolikoj malŝatas ilin kaj pensas, ke ekzemple la Ligo de Popoloj, kaj la pacifista movado estas elpensaĵo nur de framasonoj.

La Hispana Jezuito-moralisto Vasquez dum la 16a centjaro parolis pri la Kristana respubliko t. e. Ligo de Kristanaj popoloj*); en tiu sama tempo la juristo Connanus skribis, ke oni devas konsideri la tutan mondon kiel unu ŝtaton kaj ke tiamaniere Paris apartenas ne nur al la Paris'anoj aŭ Francoj sed al la tuta mondo**).

---

*) Commentarium ac disput. in primam sec. S. Thomae T. I. Antwerp. 1621. 412. Disp. LXIV. cap. III.

**) Comment. juris civ. T. I. L. I. cap. 6.

Belege kómentas la unuecon moralan kaj juran de la homaro la Hispana Jezuito Suarez. La homaro — li diras — kvankam disigita en diversaj popoloj kaj ŝtatoj, tamen ĉiam havas unuecon ne nur socian sed ankaŭ politikan kaj moralan, kion montras ankaŭ la ordono de reciproka amo kaj bonfaro rilate al ĉiuj homoj de kiu ajn nacio. Pro tia ĉiu ŝtato, respubliko aŭ regno, ankaŭ memstaraj kaj perfektaj, tamen estas samtempe anoj de la universa homaro, ĉar tiuj ŝtatoj neniam estas sufiĉaj al si mem sed bezonas reciprokan helpon unu de la aliaj; tiamaniere ili formas ian komunumon kaj bezonas kómunan juron, kiu direktas ilian universan asocion*).

La pagana nacionalismo de nia tempo forgesigis tiujn vere katolikajn ideojn; oni formis la ideon de absoluta sendependeco kaj suvereneco de la ŝtatoj kaj popoloj, kaj la rezulto estis la priplorinda milito tutmonda.

Germana scienculo Osvaldo Spengler skribis lastatempe tre interesan libron, kies titolo estas „La Ruiniĝo de la Okcidento"**). Efektive, se la Kristana mondo ne trovas de nove la vojon de unuiĝo, la konsekvenco estos nova barbarismo. Kulturo kaj civilizo povas fondiĝi nur sur la bazo de Kristana vero. Ni ne povas esti, kiel individuoj kaj kiel nacioj, gefratoj, se ni ne estas filoj de Dio. Absoluta memstareco, proklamita de la materialismo, disigis la klasojn, naciojn kaj rasojn; nur la interdependeco de la homaro, kies plej efika esprimo estas la doktrino de la eklezio pri la komunumo de Sanktuloj, t. e. interrilato de ĉiuj vivaj kaj mortaj anoj de la sankta eklezio, ebligos, restarigi la unuecon kaj la harmonion de la disigitaj popoloj; sen tio tuta nia civilizo pereos.

Budapest, la 13an de Novembro, la tagon de la parlamenta sankcio de la packondiĉoj.

Dro Aleksandro Giesswein.

---

# La fondo de la Aŭstruja ŝtata komitato de „Ika".

La 12an de Decembro 1920a en Wien, I., Kleeblattg. 7, la Aŭstruja ŝtata komitato estis fondata sub la prezido de la proviz. direktoro Sro J. Schamanek. Ĉeestis ankaŭ la ĉef-direktoro Sro Dro M. J. Metzger el Graz.

---

*) Tract de Leg. L. II. cap. XIX.
**) Der Untergang des Abendlandes. München 1918.

Elektitaj estas:

prezid.: S^ro J. Schamanek,
vicprez.: S^ro R. M. Frey,
sekr.: S^ro F. Bischof,
delegitoj: por la Pacligo de Germanaj katolikoj, ŝtata grupo Aŭstrujo: S^ro D^ro M. J. Metzger, Graz, S^ro D^ro A. Hloucha, Wien; — Aŭstruja Katolika Ligo Esperantista: P^ro F Meŝtan, Krems, F^no E. Pockberger, Wien; — Katolika Kruc-unuiĝo de Aŭstrujo: la ĝen. sekr. S^ro D^ro Meister, Graz; — „Wiga", Kristana ekonomia unuiĝo en Graz, la dir. S^ro Kiendler, Graz; — Ligo de Blanka Kruco por prizorgo de patrinoj kaj infanoj en Graz; S^ro E. Hasenbichler, pastro, Graz; — Ligo de abstinencaj pastroj en Aŭstrujo: P^ro M. J. Balcarek, Wien; — Blanka Kruco (interna misio katolika) en Graz: S^ro kapitano Dubina, Wien; — Mondpacligo Blanka Kruco en Graz: la sekr. S^ro K. Mayr, Graz; — Junul-movado: S^ro L. Engelhardt, pastro, Wien; — Junulin-movado: S^no baronino R. v. d. Wense, Wien; — Laborist-movado: S^ro komunum-konsil. H. Waldsam, Wien; — Manlaboristoj: S^ro L. Huber, Wien; — Komercistoj: S^ro kvart.-konsil. R. Stöhr, Wien; — Oficistoj: S^ro L. Siedl, Wien; — Kamparanoj: S^ro kampar.-konsil. Kehl, redaktoro, Krems. — Studentoj de mezagradaj lernejoj: stud. S^ro Pichler, Wien; — Okupitoj: S^ro L. Chiba, Wien; Katolika gazetaro: S^ro J. Schröder, redaktoro, Wien; — Sobrec-movado: S^ro D^ro Meister, Graz; — Moralec-movado: S^ro ĉef-poŝtkontr. Richter, Scheibbs; — Organizaĵo de sacerdotoj: S^ro D^ro S. Guggenberger, Wien; — Ekonomio-movado: S^ro J. Wiener, Wien.

Labor-komitato: S^roj J. Schamanek, R. M. Frey, L. Engelhardt, R. Stöhr kaj F. Bischof.

La listo de la delegitoj el religiaj ordenoj estos publikigata en la sekvonta n^o de „E. K."

F. Bischof,
sekr.

---

# Internacia katolika Esperanto-oficejo.

„Ik^a" estas fondita. En la tuta mondo oni komencas, labori por ĝi, disvastigi la ideojn ktp. Por tiu celo oni ankaŭ kreis internacian katolikan agadan centrejon, en kiu kuniĝas ĉiuj fadenoj de la tutmonda katolika vivo. La centrejo devas esti kvazaŭ la animo de la tutmonda katolikaro. Oni povas esperi, ke per sistema laboro en kelkaj jaroj „Ik^a" ampleksos la plej grandan parton de la katolikaro. Nuntempe, kaj ankaŭ kelkan tempon poste, ĝia membraro konsistos plej grandaparte el la katolika Esperantistaro. Tial estas nepre-

necese, ke ni havu interne de „Ikaco“ institucion, kiu sin okupas per la Eperanto-movado inter la katolikoj ktp. Tiu institucio estas la Internacia katolika Esperanto-oficejo („IKEO“).

## Kion celas „IKEO“?

Ĝi volas disvastigi la konon de la internacia helplingvo Esperanto en ĉiuj rondoj de la katolikaro. Sed, ĝia ĉefa tasko estas, servi kiel centrejo de la tutmonda katolika Esperantistaro. „IKEO“ donos informojn pri ĉiuj aferoj koncernantaj la katolikan kaj ankaŭ la ĝeneralan Esperanto-movadon, instruadon ktp. Ĝi zorgos pri eldono de katolika Esperanto-literaturo, pere de la eldonejo de „Ikaco“, donos konsilojn koncerne mendon de Esperanto-literaturo, peros anoncojn al katolikaj Esperanto-gazetoj ktp. Per „IKEO“ oni povos pagi siajn kotizojn al la ĉefaj kat^a^j Esperantaj organizaĵoj.

## Kiu povas uzi la servojn de „IKEO“?

Ĉiu „Ik^a^“-ano, entute ĉiu katoliko. Eksterurbaj katolikoj bonvolu aldoni la monon por la sendkostoj de respondo. Por servoj, kiuj kaŭzas eksterordinaran penon, „IKEO“ rajtas, postuli konvenan kompenson.

Je la fino de ĉiu jaro „IKEO“ donos raporton pri la farita laboro, por montri al la katolikaro la grandan utilon de tiu institucio.

La gvidanto: Hans Sappl,
Referento por la Esperanto-movado en la internacia katolika agada centrejo.

*

## Komunikoj de la internacia katolika Esperanto-oficejo („IKEO“).

1. Ĉe la oficejo estas havebla flugfolio „Ĉu ni bezonas katolikan lingvon?“ de Pro M. J. Metzger (Germanlingve). Prezo: 100 ekz 5 Mkoj, 10 Koj, 2 Fkoj. Por 2 respondkuponoj ni sendos la tekston de tiu flugfolio en Esperanta lingvo.

2. Meze de Januaro aperos 24 paĝa broŝurode Hans Sappl: „Kiel oni fondas kaj organizas Esperantan grupon“. „IKEO“ jam nun akceptas mendojn. La prezo estos fiksata je proks. 2 Sm. en naciaj valutoj.

---

# La Centra-Administra Oficejo de „Ik^a^“ en Graz.

En la centro de Graz, la ĉefurbo de Stiria lando en Aŭstrujo, ĉe la piedo de la kronita per antikva kastelo „Schlossberg“, oni atingas, tra strato suprenirante, baldaŭ silentan urboparton „Karmeliterplatz“, karakterizatan per granda malnova domo kun balkono, de sur kiu oni povas alparoli milojn de aŭskultantoj. Tiu domo estas posedaĵo de „Blanka Kruco“. Duetaĝa, belaspekta, ampleksante du domojn kun apartaj enirejoj, ĝi montras sur ĉiu etaĝo 19 fenestrojn en la ĉefa kaj 10 en la flanka fasado.

Sur la unua etaĝo de la ĉefa domo la oficejo de „Blanka Kruco“ estas instalita, nun pligrandigita kaj uzata kiel la Centra Administra Oficejo (CAO)

de „Ika“. Ok ĉambroj, telefone interligite, kun la necesa meblaro, kaj aliaj partoj de la domo kun komuna kuirejo estas de ĝi okupataj kaj ankaŭ parte loĝataj de ok viroj kaj 10 virinoj. Senlaca klakado de skribmaŝinoj, vigla agado ĉiuspeca pruvas, ke oni tie plenumas grandajn laborojn. Multaj katolikaj entreprenoj, organizitaj aŭ direktataj de „Blanka Kruco“, havas tie siajn oficejojn. Precipe ekzistas tie sekretariejo de la unuiĝo por katolika interna misio kun ĝiaj diversaj fakoj. Preskaŭ ĉiuj gekunlaborantoj, nomantaj sin „frato“ aŭ „fratino“, estas membroj de tiu unuiĝo aŭ „laŭregulaj“ aŭ „propravolaj“ helpantoj kaj helpantinoj de tiu misio. Kvankam la labortago estas fiksita je ok horoj, multaj el ili laboras, kiam estas necese, ĝis la plej malfrua vespero. Volonte kaj kun ĝojo ili laboras, ĉar ilia ĉefdirektoro donis al ĉiu laboron, kiu la plej bone konvenas kaj plaĉas al li, kaj lasas al li la plej grandajn rajton kaj respondecon, esti kvazaŭ libere aganta en lia fako.

Sur la religia fundamento de misia unuiĝo la tuta oficejo estas bazita En ĝi diversaspecaj sekretariaj oficoj estas administrataj kaj subtenataj: „familia inaŭguro al la sankta koro de Jesuo“, „Ligo prizorganta patrinojn kaj infanojn“, kiu posedas propran hejmon por malriĉaj kaj malsataj infanoj, „Zorgado pri drinkuloj“, „Unuiĝo de Sobruloj“, kiu ankaŭ havas propran hejmon apud Salzburg por drinkuloj, „Societo por fondi senalkoholajn manĝejojn kaj hotelojn“, Kristana ekonomia societo „Wiga“ sur katolika bazo, „Mondpacligo Blanka Kruco“ kaj „Mondjunularo katolika“, kiuj per internaciaj interrilatoj estas la plej bonaj helpantoj por la „Ika“-laboro, kaj nun, ĉefe superante ĉion alian, CAO.

Krom ĉef-sekretario kelke da sekretarioj laboras por la ĝenerala kaj la propaganda fakoj de „Ika“, por la Esperanta, la gejunula, la senalkohola k. a. movadoj internaciaj, por la scienca sekcio kaj la arĥivo. „Fratinoj“ ekzakte instruitaj pri la oficejo-laboroj, estas al la dispono de „Ika“-laboro.

En la fino de la ĉambraro la laborejo de la ĉef-direktoro estas situita. Tie la plej gravaj sciindaĵoj pri la diversaj entreprenoj kaj problemoj de la katolika internacia movado estas ordigitaj tiel oportune, ke li tuj povas doni informojn pri la plej diferencaj demandoj. Per telefonaj ordonoj li venigas el la ceteraj laborĉambroj la necesajn detalajn informojn. Centoj de specialaj fakoj por la diversaj sekcioj tie estas kolektitaj, plue la kaso administrata laŭ aparta sistemo de librotenado, kun centoj de kontoj, la oficejo por la eldonejo, la registrejo por ĉiaj korespondaĵoj en- kaj elirantaj, la ekspedejo por la poŝtlaboroj, internacia „kartoteko“ enhavanta milojn de adresoj de personoj, societoj, presaĵoj, la scienca sekcio kun biblioteko kaj arĥivo, kie la plej diversaspecaj kaj diverslandaj revuoj estas kolektataj, eltiraĵoj el gazetoj kaj ĉiaj sciindaĵoj pri la fondo, la disvastigo, la laboro de „Ika“ en la tuta mondo.

Antaŭ la laborkomenco la personaro kunvenas por komuna religia edifo, kiun la ĉef-direktoro malfermas per legado kaj klarigado el la „Nova Testamento“.

Sendube, en tiu domo sur Karmeliterplatz en Graz regas vigla spirito, energia volo, senlaca iniciato, ĉiam penadanta, pligrandigi kaj kompletigi laŭ ĉia direkto la komencitajn entreprenojn; tie ekzistas jam vere internacia

ministrejo. Ke do la samkredaj fratoj ĉiulandaj kunhelpu, realigi kaj kompletigi tiun internacian agadan centrejon por la tutmonda katolikaro genie aranĝitan en ĝia belega hejmo! J. Sch—k.

*

La reproduktaĵo sur la unua paĝo de ĉi tiu numero donas aspekton de la ĉefa fasado de tiu granda domo en Graz, kie nuntempe funkcias la centra administra oficejo de „Ika".

---

# Ekonomia internacio katolika.

Propono de Dro M. J. Metzger, Graz.

Estas fakto konata, ke en ekonomiaj rilatoj la kapitalistoj, precipe judoj, framasonoj k. a. formas tre firman internacion. Unuj ili helpas la aliajn kaj kiu ne apartenas al ilia „ringo", tiu ne estas allasata al negocoj. Per tio ili multe utilas al si mem, ofte, pro trogandaj iliaj profitoj, malutilante la konsumantaron. La grandegaj kapitalistoj formas internacion tiom firman, ke W. Rathenau, la bone konata Germana verkisto kaj li mem kapitalisto, povis diri: tricent viroj, kiuj konas unuj la aliajn, vere regas la mondon.

Ĉu la katolikoj devas kontentiĝi, ke tiuj „aliaj" dividas inter si la mondon? Cu ili ne povos formi inter la samkredanoj similan ekonomian „ringon", same internacian, kia estas la „ringo" de kapitalistoj? Ĉu ili ne devas krei tian ekonomian internacion, por batali kontraŭ la malutilega „ringo" de tiuj, kiuj jam regas la tutan literaturon, la gazetaron, la arton k. a. en maniero tute kontraŭ-Kristana, kontraŭ-katolika?

Jes, tia ekonomia internacio estas necesego por ni katolikoj; tial ni komencu, krei ĝin.

Sed, kiamaniere? Mi proponos ĉi tie kelkajn vojojn, petante la katolikojn en aliaj ŝtatoj, sciigi siajn opiniojn pri miaj proponoj.

En Aŭstrujo ekz. ni bezonas importon de faruno, de oleo, graso, sukero k. a. Kiamaniere oni aranĝas nuntempe tiun importon? Ekzistas importistoj aŭ import-firmoj (apenaŭ ĉiuj judaj), kiuj aĉetas la nomitajn komercaĵojn ĉe grandaj eksportistoj aŭ eksport-firmoj eksterlandaj (ofte same judaj). Oni bone scias, ke tiuj import- kaj eksport-perantoj faras la plej grandajn profitojn — absolute kaj proporcie — multe pli grandajn ol senpere vendantoj, kiuj ofte havas nur tre modestan gajnon el iliaj negocoj.

Kial ni katolikoj aĉetas ĉe tiuj judaj makleristoj? Ĉar ĝis nun ni tro malmulte pripensis la aferon kaj forgesis, organizi ekonomian internacion katolikan. Ĉu ne estos eble, ke, estonte, ni katolikoj Aŭstrujaj aĉetos nian farunon, oleon k. a. ĉe katolikaj importistoj kaj same aĉetas ĉe katolikaj eksportistoj en aliaj ŝtatoj? Ĉu ni ne formu katolikajn import- kaj eksport-societojn, kiuj liveras precipe al la grandaj katolikaj institucioj sociaj, karitaj k. a., eble ankaŭ al katolikaj societoj de la konsumantaro?

El Aŭstrujo ni eksportas lignon, arbofruktojn, fabrikaĵojn. La eksterlandaj katolikoj samamaniere aĉetas tiujn komercaĵojn de importistoj, regule judaj, kiuj same aĉetis ilin ĉe Aŭstrujaj eksportfirmoj, ĉiam judaj. Ĉu niaj eksterlandaj samkredanoj ne aĉetus pli volonte kaj pli bone ĉe katolikaj import- aŭ katolikaj eksportsocietoj?

Samo estas en ĉiuj ceteraj reciprokaj rilatoj de diverslandaj katolikoj. Se oni do organizos tiun reciprokecon de internaciaj katolikaj komerc-rilatoj, oni jam grandaparte havos ekonomian internacion katolikan.

En Graz (Aŭstrujo-Stirio, Karmeliterpl. 5) kaj en Wien (I., Kleeblattg. 7) oni jam komencis tian organizadon de ekonomia internacio katolika. Dum la printempo 1920 oni fondis „Kristanan komunon ekonomian“, akcian societon de katolikoj. Ĝi celas realigon de vere Kristanaj principoj en la ekonomia vivo, kunigas produktantojn kaj konsumantojn en unu societo kaj peras ĉiujn komercaĵojn sen ne necesaj interkomercistoj je justaj prezoj. Precipe al katolikaj institucioj, ĝis nun ofte dependintaj de judaj pogrande vendistoj, ĝi liveras jam kaj esperas, ke en aliaj ŝtatoj similaj societoj estos fondataj, kiuj tiam komerce interrilatos, formante veran katolikan komunon ekonomian en la tuta mondo.

Kompreneble, Esperanto estas ankaŭ la katolika komerco-lingvo.

La celo estas granda. Ĉu ĝi estos realigebla? Tio dependos de la agemo de ĉiulandaj katolikoj. En la nuna momento la kunlaborado de la eksterlandaj katolikoj tre povus helpi, ke la Aŭstrujaj katolikoj liberigu sin de la juda regado kaj samtempe garantiu grandan profiton al eksterlandaj katolikoj, kiun ĝis nun havis la judoj.

---

# Nun estas tempo...

Jam de kelke da monatoj ekzistas la „Ika“ Kun grandaj oferoj la Centra Administra Oficejo (CAO) klopodis, plenumi sian malfacilan taskon. Sed, por certigi daŭran sukceson al niaj laboroj kaj aliflanke agadi laŭ la plej modernaj negoc-metodoj kaj kun la plej konvenaj iloj, estas nepre necese, ke CAO havu solidan financan fundamenton. Interkonsente kun la prezidantoj oni intencas, starigi

**internacian katolikan akcian unuiĝon,**

kiu estos tiu solida financa fundamento de la internacia katolika agado, kaj precipe oni starigos internacian katolikan eldonejon. Tia entrepreno sendube havos grandan utilon: unuflanke en idea rilato, per eldono kaj disvastigo de vere bonaj katolikaj presaĵoj kaj verkoj internaciaj ĝi multege akcelos reciprokan interkomprenon de la katolikaj fratoj tutmondaj, aliflanke kiel profitiga entrepreno ĝi subtenos la tutan „Ika“-movadon.

La plano de internacia katolika eldonejo, proponita en konfidencia cirkulero al la direktoraro, trovis ĝeneralan aplaŭdon kaj kelkaj amikoj jam aĉetis akciojn. Imitinda ekzemplo!

La nova internacia akcia unuiĝo katolika eldonos

**akciojn por po 1000 kaj po 10.000 Aŭstr. K$^{oj}$.**

En la sekvonta numero de „E. K." estos publikigata la statuto aprobita de la prezidantoj.

„Ik$^{a}$"-anoj, nun estas tempo por agado! La nuna stato de la valutoj treege faciligas al eksterlandaj amikoj aĉeton de akcioj. Per tio oni ne nur subtenas tre bonan, tre necesan, tre modernan katolikan taskon, la entrepreno estos samtempe profitiga, ĉar kun la espereble baldaŭa plialtigo de la Aŭstruja valuto pligrandiĝos la akcia valoro. Tial ĉiu „Ik$^{a}$"-ano aĉetu nun akciajn partojn, ĉiu varbu siajn amikojn por la entrepreno.

La monon oni sendu en poŝte registrita letero en nacia valuto al „Ikaco" aŭ per ĉeko al „Steiermärk. Escompte-Bank, Graz, Aŭstrujo, konto Volksheilzentrale".

---

# Katolikaj Organizaĵoj.

En la n$^{oj}$ 8/9 de la jarkolekto 1920 de „Espero Katolika" la Nederlanda pastro S$^{ro}$ W. Lutkie en Gemonde petis, estante elektita helpsekretario de la prepara komisiono por fondota en Nederlando Internacio katolika, kaj tiel „kunligilo" de tiu komisiono kun nia „Ik$^{a}$", ke ĉiuj direktoroj de „Ik$^{a}$" respondu demandaron pri organizaĵoj ilialandaj, kiuj havas katolikojn inter iliaj membroj aŭ estas pure katolikaj. Li proponis jenajn 11 demandojn:

1$^{e}$ Kiu estas la nomo kaj la adreso de la organizaĵo?
2$^{e}$ Kiu estas ĝiaj celo kaj precipaj rimedoj?
3$^{e}$ De kiam ĝi ekzistas?
4$^{e}$ Kiel ĝi estas organizita:
*a*) materie: ĉu nacie, regione, en kiaj fakoj, branĉoj, sekcioj, sub kia gvidado, direktado, ktp.?
*b*) spirite: sur kiaj bazo, ideo, principoj?
5$^{e}$ Kion oni ĝis nun (precipe) atingis?
6$^{e}$ Kiom estas la nombro de la membroj?
7$^{e}$ Ĉu oni posedas propran organon? Ties nomo, ties aperfojoj jare, ties amplekso, abonantnombro, abonprezo?
8$^{e}$ Pro kiuj kaŭzoj la organizaĵo estas sur pure katolikaj (= ne: ĝenerale Kristanaj) principoj; — pro kiuj kaŭzoj ne sur pure katolikaj principoj, kvankam bonaj katolikoj aliĝas?
9$^{e}$ Ĉu oni ankaŭ havas internaciajn rilatojn? Kiom, kiaj ili estas? Kion oni per tiuj celas kaj efikis?
10$^{e}$ Aliaj rimarkindaĵoj.
11$^{e}$ Ni vin invitas je aliĝo al Ik$^{a}$, se via organizaĵo estas fondita sur pure katolikaj principoj; se ne, ni vin invitas, prezenti kaj klarigi la eblecon je kunlaboro.

Tiun demandaron jam respondis la „Ika“-direktoro por Britujo, Sro Hookham, tre akurate, kaj per tiuj respondoj li liveris al la „Ika“-anoj statistikon tre interesan kun datoj, certe malmulte konataj ekster kaj eble eĉ en propra lia lando, kaj samtempe modelon por la ceteraj direktoroj de „Ika“, kiel ili kolektu kaj prezentu la deziratan de Sro Lutkie materialon, por havigi al „Ika“ plej eble baldaŭ kompletan statistikon pri katolikaj organizaĵoj ĉiulandaj.

Jen la katolika organizaĵaro en Britujo laŭ la sciigoj de Sro Hookham:

1. The Westminster Catholic Federation, 5, Chancery lane, London, W. C. 2.

2. Antaŭenigi la katolikan organizadon en London, por klarigo kaj defendo de la katolikaj interesoj.

3. 1907.

4. Ĝi estas organizaĵo de la eparĥio de Westminster. La estraro estas komitato de sacerdotoj kaj laikoj sub la prezidanteco de Lia Moŝto Kardinalo Bourne. Ĝi havas branĉojn en la ĉefaj parohoj. La branĉoj sendas delegitojn al la kunvenoj de la konsilantaro de W. C. F. Ili zorgas pri la elekto de taŭgaj personoj kiel komunumaj konsilantoj ktp.; ili aranĝas kolektojn, por helpi bonfarojn, lekciojn pri temoj interesaj por katolikoj ktp. La laika sekretario de W. C. F. ankaŭ estas la ĝenerala sekretario de la „Catholic Confederation of England and Wales“, kiu ligas la katolikajn federaciojn de la ceteraj Anglaj eparhioj.

5. Ĝi organizas la katolikojn, por prezenti la katolikan vidpunkton, kiam oni proponas leĝprojektojn ofendajn por katolikoj (ekz. la Edukada kaj la Eksedziga Leĝprojektoj). Ĝi protestis kontraŭ la atakoj kontraŭ la Papo pro la milito, kontraŭ senmoralaj teatraĵoj ktp. Ĝi helpis monkolekton por malsatuloj en Centra Eŭropo ktp.

6 Proksimume 200 pagantaj membroj, kies jara mondono diferenciĝas de 6 pencoj ĝis 10 funtoj sterlingaj.

7. Jara raporto.

8. —

9. Ĝi interrilatas kun katolikaj federacioj en Norda Ameriko, Trinidado, Nova Zelando, Hindujo, Kanado, Tasmanio ktp. kaj kompreneble ĝi laboras, por starigi internacian katolikan federacion.

1. The Catholic Truth Society, 69, Southwark Bridge Road, London S. E. 1.

2. Dissemi inter la katolikoj malgrandajn malkarajn piajn librojn; helpi ne-edukitajn malriĉulojn al pli bona kono de ilia religio; disvastigi inter Protestantoj sciigojn pri la katolika fido; antaŭenigi la cirkuladon de bonaj, malkaraj kaj popularaj katolikaj libroj.

3. Fondita dum la 1872a, revivigita dum la 1884a.

4. Membro-kotizo estas 10 ŝilingoj ĉiujare aŭ unufoja pago de 10 funtoj sterlingaj por dumviva membreco. Membroj, kiuj pagas ne malpli ol L 1·1·0, rajtas ricevi dum la jaro ĉian eldonon, kies prezo estas 6 pencoj aŭ malpli.

5. La ĉefa metodo por disdono de la libretoj estas, montri ilin en ligna libretujo apud la pordoj en la preĝejoj. Centoj da preĝejoj havas tiajn libretujojn, kaj ĉiusemajne miloj da libroj dissemiĝas tra la lando. Ĉe unu sola preĝejo 70 000 libroj estis vendataj dum unu jaro. La libretujoj kostas unu funton kaj ok ŝilingojn kaj la libroj estas aĉeteblaj laŭ komercaj kondiĉoj. La gajno el la vendado apartenas al la posedanto de la libretujo. La societo ankaŭ pruntedonas lumbildojn de katolikaj artaĵoj kaj el la katolika historio. Oni tradukis ĝiajn eldonaĵojn en multajn lingvojn. La celo de la societo ne estas ĉefe polemika, kvankam iufoje la dissemo de la vereco sendube enhavas polemikon. Ĝi estas tute sen politika.

6. Proksimume 1300.
7. Jes Catholic Book Notes, sesfoje jare. Ĝi recenzas novajn librojn ktp. Jaraboño 3 ŝilingej 6 pencoj.
8. —
9. La nomo kaj la rimedoj de la societo estas alprenitaj de samspecaj societoj en Irlando, Kanado, Hindujo, Aŭstralio, Norda Ameriko kaj Belgujo.

1. The Southwark Catholic Rescue Society, 5, Westminster Bridge Road, London S. E. 1.

2. La sola oficiala societo por la savlaboradô al geinfanoj el Suda London, Kent, Surrey kaj Sussex.
3. Fondita 1887; korporacie starigita 1902.
4. (a) Prezidanto: la episkopo de Southwark. La estraro estas direktoraro el sacerdotoj kaj laikoj. Komitato por la konsidero de aspirantoj kunvenas ĉiumonate. — (b) Katolikajn geinfanojn loĝantajn en la Southwark'a eparhio, kies moraloj aŭ fido estas en danĝero, oni enmetas en hejmoj prizorgataj de fratoj aŭ monahinoj.
5. Dum la pasintaj 20 jaroj la societo provizis hejmojn por pli ol 10.000 geinfanoj.
6. —
7. La organo de la Societo „The Shield“, kiu aperas ĉiumonate, estas ankaŭ la oficiala organo de la eparhio de Southwark. Abonantoj proks. 2000, abonprezo: 1 ŝilingo kaj 6 pencoj jare.
8. Fondita, por provizi katolikajn hejmojn por katolike baptitaj geinfanoj, kies moralo aŭ fido estas en danĝero.
9. La societo estas branĉo de la „Catholic Emigration Society“ kaj elmigrigas ĉiujare multajn geinfanojn Kanadon, metas ilin sur farmojn aŭ je domservado kaj prizorgas ilin, ĝis kiam ili estas atingintaj la aĝon de 18 jaroj.
10. Enspezo de 12.000 funtoj sterlingaj estas bezonata ĉiujare.

1. The Birmingham Deocesan Rescue Society, Coleshill, Birmingham.

2. Savi geknabojn, kies fido estas en danĝero de perdo, trovi bonajn hejmojn por ili, eduki kaj starigi ilin en pozicioj, por havi vivrimedojn.
3. 1901.
4. Prezidanto: la episkopo de Birmingham. La estraro konsistas el sacerdotoj kaj laikoj. Konsila komitato decidas, ĉu la knab(in)o estas pritraktota laŭ la diversaj aktoj aŭ ĉu oni trovas lokon por ili en la societaj hejmoj.
5. De 1902 ĝis 1912 la societo konsideris la aferojn de 3689 geknaboj kaj sendis 938 al ŝtataj lernejoj kaj 747 al la hejmoj de la societo.
6. —
7. Jara raportô.
8. —
9. La societo estas branĉo de la „Catholic Emigration Society“ kaj elmigrigas ĉiujare multajn geinfanojn Kanadon, metas ilin en farmojn aŭ je domservado kaj prizorgas ilin, ĝis kiam ili estas atingintaj la aĝon de 18 jaroj.

1. Catholic Cadets, 16, Marsham Sheet, Westminster, London, SW.

2. La ĉefa celo estas, eduki knabojn kiel bonajn civitanojn; por tio la societo uzas la militistan sistemon sub gvido de militista oficejo. Ĉiu knabo estas „kadeto“; ili portas la regulajn uniformojn de la Brituja Armeo. La limoj de aĝo por kadetoj estas la 14a ĝis la 19a jaroj. Por deteni la knabojn for de la stratoj, socialaj kluboj estas malfermataj por ili ĉiuvespere.
3. Fondita dum la 1914a; sed pli frue ekzistis la „Catholic Boys Brigade“ (de 1904).

4. (a) La organizado staras sur la militista sistemo. La supre skribita adreso estas tiu de la centra oficejo por Britujo. Rotoj ekzistas ankaŭ en la diversaj urboj kaj parohoj, la estraro en la centra oficejo kontrolas per oficistoj la diversajn rotojn — (b) La societo estas katolika kaj devo estas por la kadetoj, ke ĉiuj ĉeestas ĉiudimanĉe la meson, kaj ke ĉiumonate la rotoj paradas por sankta komuniiĝo.

5. La societo edukis multajn bonajn soldatojn, kiuj estas bonaj civitanoj.

6. Krom anoj en la kolonioj proks. 2500.

7. —

8. La organizo estas destinita nur por katolikoj.

9. Ĝi ne havas internaciajn rilatojn, kun escepto de amikaj vizitoj Belgujon ktp.

---

# Universala kongreso por la tutmonda katolikaro.

## De la 8a ĝis la 12a de Aŭgusto 1921a en Graz (Aŭstrujo-Stirio).

(La 1a kongreso de la Internacio katolika kaj la 7a kongreso de la katolika Esperantistaro.)

Dum la VIa internacia katolika kongreso en Hago (Aŭgusto 1920 a), kie Internacio katolika estis fondata, la kongresanaro decidis, okazigi la unuan universalan kongreson, aranĝotan de „Ika", dum Aŭgusto 1921a en Graz (Aŭstrujo-Stirio).

La alta celo de tiu kongreso estos: ebligi al ĉiulandaj katolikoj intertraktadon pri la plej urĝaj problemoj nuntempaj, precipe pri la praktikaj vojoj kaj la iloj konvenaj por komuna internacia katolika agado. Dum tiu kongreso en Graz oni devos fondi fortegan internacian armeon kontraŭ la potencoj de blinda renverso, kontraŭ la materialista bolŝevismo, la danĝera anarĥismo, la kontraŭ-eklezia agado de la framasonaro ktp., unuvorte: ni katolikoj devos kunhelpi energie al komuna rekonstruo de vere Kristana paco-kulturo.

La kongreso okazos plene interkonsente kun la Apostola Seĝo, kiu, ekzakte informita pri la celadoj de „Ika", jam la 12an de Oktobro 1920a benis la Internacion katolikan kaj ĝiajn laborojn.

La 29an de Novembro 1920a la loka organiza kongreskomitato estis fondata kun la diversaj necesaj teknikaj kaj fakaj sekcioj. Provizore la daŭro de la kongreso estas fiksita je kvar tagoj. En la ĝenerala parto de la kongreso la tuta problemo de la internacia katolika movado estos pritraktata, la plej bonaj ilioj por disvastigo de la vere katolika internacia spirito en la tutmonda katolikaro estos studataj, la definitiva organiza formo de la Internacio katolika estos fiksata. — Krom tiu ĝenerala parto estas intencitaj specialaj konferencoj pri la diversaj problemoj de la internacia katolika agado, pri kiuj la plej granda parto de la internaciaj partoprenantoj interesiĝos. Tiaj fakaj konferencoj estas intencataj por la internaciaj katolikaj movadoj laborista,

virina, junula, studenta, Esperanta, sociala, religie-misia, porpaca, gazetara kaj ekonomia. Por la diversaj fakoj specialaj komitatoj estos starigataj.

Ĉiu kongresano pagos kotizon de 6 Sm. en nacia valuto (ekz. 6 Hol. Guldoj, 12 Fkoj, Mkoj ktp., por Aŭstrujaj kongresanoj 20 Koj). Por taŭgaj loĝigo, manĝo kaj amuzoj de la partoprenantoj zorgos koncernaj komitatoj.

La loka organiza kongres-komitato en Graz, Karmeliterplatz 5, do invitas kore la ĉiulandajn samkredanojn al multnombra partopreno en tiu gravega kongreso kaj petas ilin, anonci sin plej eble baldaŭ, sciigante la fakajn konferencojn, kiuj precipe interesos la sin anoncanton. Proponoj kaj deziroj ĉiuspecaj danke estos akceptataj kaj ĉiuj deziritaj informoj volonte estos donataj de la komitato.

En la nomo de Dio ni komencas. Flugu nia invito al ĉiuj landoj kaj ĉie ĝi trovu viglan eĥon! Ĉiuj kunlaboru laŭpove, ke tiu kongreso helpu, efektivigi la ĉefpastran preĝon de nia Savinto, kiu estas ankaŭ la plej intima deziro de Lia surtera reprezentanto, nia papo Benedikto XVa: Ut omnes unum! — Ke ĉiuj estu unu!

La loka organiza kongres-komitato
Graz, Karmeliterplatz 5, Aŭstrujo-Stirio.

| | |
|---|---|
| K. Mayr,<br>sekr. de „Ika"<br>vicprez. | Dro M. J. Metzger,<br>ĉef-sekr. de „Ika"<br>prez. |
| H. Sappl,<br>sekr. de „Ika"<br>kas. | H. Weber,<br>sekrino de „Ika"<br>sekr. |

*

**Propaganda komitato.**

Organizita propagandado de la kongreso en la tutmonda katolikaro estas nepre necesa. La propaganda komitato do elpetas bonvolan subtenon de ĝia laboro. Ĝi petas, publikigi laŭokaze la inviton de la loka organiza kongres-komitato en la loka aŭ regiona nacia katolika gazetaro kaj, se la gazetoj ne akceptas longajn informojn, peti de tempo al tempo publikigon de mallongaj noticoj pri la kongreso, komence eble de jena en nacia lingvo:

Universala kongreso por la tutmonda katolikaro en Graz, Aŭstr.

La movado de la Internacio katolika, fondita dum Aŭgusto 1920a en Hago, benita de lia Papa Moŝto, progresas bonege en ĉiuj landoj. „Ika" aranĝos la unuan postmilitan internacian katolikan kongreson en Graz, Aŭstrujo-Stirio komence de Aŭgusto 1921a. La organiza kongres-komitato jam estas starigita. La kongreso studos la tutan problemon de la internacia katolika agado nuntempa kaj fiksos la definitivan organizan formon de la Internacio katolika; plue oni intencas okazigi specialajn internaciajn konferencojn por la diversaj fakoj de la internacia katolika vivo, nome, por laborista, virina, junula, studenta, sociala, porpaca, gazetara k. a. internaciaj katolikaj movadoj. Demandoj kaj informoj ĉe la loka organiza kongres-komitato en Graz, Karmeliterplatz 5, Aŭstrujo. La propaganda kongres-komitato.

## Internacia katolika porpaca konferenco.

For dividoj! For la bataladoj!
Ĉiam paco! Ĉie nur la amo!

Invito al ĉiuj pacemaj katolikoj tutmondaj!

La terura tutmonda milito ĉesis. En la tuta mondo ĝi kaŭzis sennombrajn kruelajn ruinojn. La tuta homaro, la frataro en Kristo, estas disŝirita en malfeliĉajn kaj plej ofte malamemajn naciojn. Sed, meze de la ruinoj kaj de la malamo staras la grandioza profeto de la vera mondpaco. Kun voĉo plena de boneco kaj de amo li alvokas al ĉiuj nacioj: „Fratoj, amu unuj la aliajn!“ Sed la homoj ne aŭdas lian voĉon; malfeliĉe eĉ la katolikoj, propraj liaj infanoj, ofte ne volas kompreni lian sanktan predikon pri paco.

Katolikoj ĉiulandaj! Ĉu ne volas ni aŭdi fine la patran voĉon de nia bonega pac-profeto? Ĉu ni ne estas fratoj, savitaj per la sama ĉiovalora sango de Kristo, ĉu ni ne estas infanoj de la sama alte amata patrino, la eklezio, ĉu ni ne estas ĉiuj membroj de la komuno de sanktuloj? Ĉu ni ne estas devigitaj, kunhelpi, por realigi la vere Kristanan pacon, la pacon de reciproka amo kaj de universala justeco? Se ni kunstaras energie, ni samkredanoj, pli ol 200 milionoj, ni povas venki ĉiujn potencojn de la tuta mondo ne-Kristana.

Pro tio la prepara komitato de la porpaca konferenco invitas ĉiujn katolikajn pacemulojn sen diferenco de lingvoj kaj nacioj al la internacia katolika porpaca konferenco, arangota dum la 1a internacia kongreso de la katolikaro, por pritrakti la tutan problemon de vere Kristana paco tutmonda. La konferenco estos politike absolute neŭtrala. Laŭ la tagordo ĝis nun proponita oni ne pritraktos la malfacilajn nuntempajn problemojn politikajn, sed la plej bonajn vojojn, por disvastigi la ideon kaj la spiriton de Kristana paco en la katolikaro tutmonda. Precipe estos necese, kompletigi la tutmondan katolikan organizon porpacan. Por la tagordo estas proponitaj jenaj punktoj:

1. La celoj kaj taskoj de la internacia katolika porpaca movado.
2. La praktika realigo de tiuj taskoj en la diversaj landoj.
3. La organizado de la katolikaro por tutmonda movado paca kaj ĝia konstituo.

Kiel lingvoj de la diskutado estos permesitaj la Angla, Franca, Germana lingvoj kaj Esperanto. La traduko de ĉiuj paroloj estos nur Esperantolingva. Por plifaciligi la diskutadon, estas dezirinde, ke kiel eble plej multaj de la partoprenantoj parolas aŭ almenaŭ komprenas Esperanton.

Proponojn pri la tagordo oni sendu almenaŭ kvar semajnojn antaŭ la komenco de la konferenco.

Ĉiu partoprenonto tuj anoncu sin ĉe la loka organiza kongres-komitato, sekcio: porpaca konferenco, en Graz, Karmeliterplatz 5, Aŭstrujo-Stirio.

*

La prepara komitato de la porpaca konferenco decidis, tuj starigi internacian komitaton el du aŭ pli da reprezentantoj ĉiuŝtataj, por montri al la samideanaro tutmonda la absolutan politikan neŭtralecon de tiu konferenco. Por realigi tion, ĝi dissendas jenan inviton al ĉiuj amikoj de la katolika porpaca movado tutmonda: aliĝi al la internacia komitato, en kies nomo ĉiuj samideanoj katolikaj estos invitataj, aŭ tuj sciigi partoprenon en la konferenco, skribante en la anonciĝilo por la kongreso: Mi partoprenos la

porpacan konferencon; plue varbi, ĉiujn katolikajn pacemulojn en lia amikaro por aliĝo al la internacia komitato aŭ por partopreno en la konferenco, kaj publikigi malgrandajn noticojn informajn pri la graveco de la konferenco en la nacia gazetaro.

Organiza kongres-komitato, sekcio: porpaca konferenco.

K. Mayr, sekr.

---

# XIII^a Universala Kongreso de Esperanto 1921 en Praha, Ĉeĥoslovakujo.

Dato. La XIII^a okazos de la 31^a de Julio ĝis la 6^a de Aŭgusto 1921.

Komitato. D^ro St. Kamaryt kaj Aug. Pitlík estas elektitaj anoj de K. K. K. por la XIII^a en Praha.

Kongresejo. Solena malferma kunsido okazos en la „Smetana"-halo de la domo de Reprezentantoj, laboraj kongreskunsidoj kaj la akceptejo estos en la Kazino sur la insulo „Žofín".

Subkongreso. Sub la protektorato de prof. T. Cart okazos samtempe subkongreso de la blindaj Esperantistoj. En la programo estas paroladoj pri la socia vivo kaj la organizado de la blinduloj kaj internacia koncerto de blindaj virtuozoj kaj kantistoj.

Fakaj kunvenoj. Katolikoj: organizanto S^ro Zelenka, Kristanoj kaj vegetaranoj: S^ro Tutsch, Hebreaj nacianoj: S^ro Heller.

Kotizoj. La sumo kaj la maniero de monsendoj baldaŭ estos komunikataj.

Garantia fundo. Enskriboj por 100 ĉeĥoslovakaj K^oj. La garantiantoj pagos laŭproporcie nur, se post la kongreso pruviĝos, ke la kongresaj elspezoj superis la enspezojn. Precipe gesamideanoj el landoj kun pli bona valuto estas petataj, garantii!

Donacoj. S^ro van Heek en Hengelo (Nederlando) 30 G. N., Gekursanoj de F^no Janalíkova en Bystrice p. H. 120 K., Esperantista klubo en Praha 111 K., Ĉeĥosl. Esp. Informejo S^ro Hromada 100 K.

Depono de mono en Praha. Geesperantistoj, intencantaj deponi en „Praha" monon, sendu pere de kiu ajn banko al la banko „Bohemia" en Praha je la konto de la XIII^a Universala kongreso de Esperanto monsumon en ĉeĥoslovaka valuto. La kongresa mon-ŝanĝejo pagos ĝin al ili en ĉeĥoslovakaj K^oj laŭ la kurzo de la tago de la mon-akcepto, kun procentoj. Pri la monsendo oni bonvole sciigu ĉiam samtempe la ĝen. sekr. de la Loka K. K.

Adreso (nur por prikongresaj korespondaĵoj kaj oficialaj aliĝoj): S^ro Aug. Pitlík, Nerudova 40, Praha III. Por respondo oni aldonu respondkuponon aŭ naciajn poŝtmarkojn.

Por la Loka Kongresa Komitato

Augustin Pitlík, ĝenerala sekretario.

---

# El Praha Graz'on.

La vojaĝo al la 1ª internacia katolika kongreso 1921.

„Katolika Unuiĝo Esperantista en Wien" decidis, proponi kaj prepari, kune kun „Ikª", dum Aŭgusto 1921ª jenan vojaĝ-programon al la 1ª internacia katolika kongreso:

La katolikoj partoprenintaj en la XIIIª Universala kongreso de Esperanto en Praha (Ĉeĥoslovakujo), veturos de Praha tra Budweis, St. Valentin en rapida vagonaro Melk'on ĉe Danubio. Tie la Wien'aj Esperantistoj renkontos ilin kun Esperanto-flagoj. La nokto estos pasigata en la abatejo Melk. Tiam la vojaĝo estos daŭrigata sur vaporŝipo tra la belega pejzaĝo „Wachau" Nussdorf-Wien'on. Tie vizito (per fervojo surmonta) de la monto Kahlenberg kun belega perspektivo kaj tiam per ornamitaj tramveturiloj tra la urbo Wien. Esperanto-Diservo (eble en la katedralo de Sta Stefano). Fine vojaĝo en speciala vagonaro Graz'on (3-hora interrompo sur Semmering, la fame konata alp-kuracejo).

Pluaj detaloj sekvos en la venontaj noj de „E. K.".

---

# „Ikª" por la katolikaj misiistoj.

La VIª kongreso katolika estas finita kun granda sukceso, ĉar estas fondita „Internacio katolika". Dank' al Dio, dank' al la iniciatuloj, dank' al la kongresanoj.

Nun estas ankaŭ vojo malfermita por misiistoj katolikaj, interrilati pli facile kun iliaj kunmisiistoj, kun ilia patrujo, kun katolikoj tutmondaj pri aferoj misiaj, pri la disvastigado de nia katolika kredo en la tuta mondo.

Kiu sentas pli la grandan valoron de internacia helpo ol la misiisto? Li ja estas ĉiam alilanda.

Ne nur en la misio-domoj „Ikª" devas esti propagandata, ankaŭ en la landoj, kie misiistoj laboradas.

Sed kiel? Jen propono: Certe multaj membroj de „Ikª" kaj abonintoj de „E. K." havas filojn, filinojn, fratojn, fratinojn, aliajn familianojn aŭ konatulojn en misio-landoj.

Klarigu letere al tia la celon de „Ikª" kaj insistu, ke li lernu Esperanton, la lingvon kutiman de „Ikª"; sendu al li tuj kajeron de „Espero Katolika", enmetante ŝlosileton Esperantan de Ĉefeĉ aŭ, pli bone, sendu al li Esperanto-gramatikon kaj skribu, ke vi pagis por li abonon je „Espero Katolika". La organo de „Ikª" estas nia gazeto; ĝi estas ankaŭ la revuo por katolikaj misiistoj. Misiistoj ne posedas sufiĉe da mono, por aĉeti la necesajn librojn. Vi povas helpi ilin. Misiistoj ne scias ankoraŭ sufiĉe pri „Internacio katolika" kaj la grandvalora Esperanto-movado inter la tutmondaj katolikoj. Vi povas informi ilin. Al misiistoj ne venas la leterportisto kvarfoje ĉiutage, kiel en via lando. Preskaŭ neniam ili ricevas gazetojn; en multaj lokoj leterportisto eĉ neniam venas, la misiisto mem multfoje devas iri al la poŝtoficejo en la haven-urbo, por demandi, ĉu la vaporŝipo alportis

ion por li. Kelkaj misiistoj ricevas poŝtaĵojn nur unufoje ĉiumonate aŭ eĉ ĉiutrimonate.

Karaj gelegantoj, mi petegas vin pro amo por tiom da animoj, kiuj ne konas ankoraŭ Nian Sinjoron, helpu la katolikajn misiistojn per ĉiuj eblaj iloj. Ankaŭ „Ika" estas unu el ili; helpu, penetrigi „Ika"n ankaŭ en landoj ne ankoraŭ tute religiemaj.

Skribu al konataj de vi misiistoj transmaraj, skribu tuj, ne hezitu, ne prokrastu. Estas por plia gloro kaj honoro de Dio kaj por la savado de animoj.

Mount St. Benedict, Tunapuna, Trinidad, (British West-Indies).

Dom Wilfridus Broens, O.S.B.
Sacerdoto-misiisto.

---

# La Espero de la Esperantistoj.

Laŭ poeziaĵo de la Litova verkistino Ursulo Gudene.*)

Kion homoj serĉas, tie ĉi troviĝas,
Kaj jen, Di' iliajn benas ja agadojn;
Se el buŝoj niaj ne blasfem' eliĝas,
Ili ne malpiajn helpas do movadojn.

Li al ili donas gracon de firmeco
Kaj vidigas vojon rektan al la celo.
Ili nur, kun amo kaj kun obeeco
Al Li, akceptadu ĉion de ĉielo.

Tiel la amantaj lingvon Esperanto
Kun permes' de Dio al la celo iras;
Ĉiu el ilia aro bonaganto,
Ĉar feliĉon ili al la mond' akiras.

Ĉar penadas ili, por ke Esperanto
Iĝu la propraĵo de la tuthomaro,
Ĉiu hom' fariĝu per ĝi veramanto,
Kaj tutmonda iĝos tiel la frataro.

Kiel la dolĉeta de la roz' odoro
Ĉion en ĝardeno ĉirkaŭparfumadas,
Tiel ja per tiu lingvo homa koro
De l' ĉarmec' agrablan sonon tuj sentadas.

Glor' al ĉiuj ili estu tra jarcentoj,
Kiuj sin dediĉas al la granda celo!
Tiuj nomoj flugos kiel dolĉaj sentoj
Tra la mondo, benos ilin la ĉielo.

Philadelphia (U.S.A)

Esperantigis: Kaz. Vidikovski kaj Ad. Bortosz.

---

*) Tiu poeziaĵo de la fame konata en Litovujo poetino kaj amikino de Esperanto aperis en Litova lingvo en la Litovuja kata gazeto de laboristoj „Darbinninnkas" (Laboristo) 1916/145. Ankaŭ en Pola lingvo ĝi jam aperis.

# Regularo por la „Moka“-delegitoj.

„Moka“ starigas en ĉiu granda urbo de la mondo lokajn delegitojn. Ili plifaciligu al la centrejo la laboron per varbado de novaj membroj ktp.

Elekto: Ĝis kiam la definitiva estraro estos destinita, la centra oficejo en Graz nomigas ĉiujn delegitojn de „Moka“. Tamen, se ekzistas en iu urbo pli ol 5 membroj, ili rajtas elekti lokan delegiton. Kiel signon de lia akcepto ĉiu delegito devas subskribi aligilon kun rimarko, ke li konsentas, fariĝi delegito de „Moka“. Regionajn kaj landajn delegitojn elektas nur la centra oficejo laŭ propono de la lokaj delegitoj Ĉiuj delegitoj estas publikigataj en la oficiala organo de „Moka“.

Taskoj: La delegito reprezentas „Moka“n en ĉiuj aferoj, varbas por ĝi novajn membrojn, enkasigas kotizojn kaj fondas laŭpove lokajn grupojn de „Moka“. Li donu ĉiajn informojn kaj laŭpove subtenu vojaĝantajn katolikajn junulojn. Li respondu leterojn de „Moka“-anoj dum 8 tagoj post la ricevo, supoze, ke la sendkostoj por respondo estis aldonitaj kaj la respondo ne kaŭzas eksterordinaran penadon. La enkasigitajn kotizojn li peru plej baldaŭ al la centrejo. La loka delegito restas en lia funkcio, ĝis kiam li mem rifuzis per skriba sciigo al la centrejo la servojn, aŭ ĝis elekto de nova delegito. Eksiĝo de delegito ne valoras pli frue ol 2 monatojn post la skriba sciigo.

Rajtoj: La delegito rajtas, morale reprezenti „Moka“n en lia laborsamplekso; plue, li rajtas, depreni de la enkasigitaj „Moka“-kotizoj 10 procentojn kaj de donacoj kolektitaj de li por „Moka“ 5 procentojn.

Plendoj: En kazo de plendoj oni sin turnu al la centrejo.

**Delegitoj de „Moka“**

jam estas destinitaj en jenaj urboj:

Aŭstrujo.

Graz: Sro O. Scheibl, stud. teol., Karmeliterpl. 5.

Salzburg: Sro F. Huber, Mönchsberg 5.

Germanujo.

München: Sro J. Bernhard, Guldeinstr. 32/3 Rckgeb. (Delegito por Bavarujo).

Italujo.

Pisa: Sro A. Bartoloni, stud., Via S. Agostino 29 (ĉef-delegito).

Nederlando.

Amsterdam: Sro H N. Kemme, stud., 2de v. d. Helststr. 15/1.

Polujo.

Przemysl: Sro T. Pacula, Sv. Jana 7 (nuntempe en Lwów).

*

16-paĝa Germanlingva broŝureto pri „Moka“, verkita de la sekretario Sappl, aperis! Prezo: 1 Mko (2 Koj). Ni petas niajn Germanlingvajn delegitojn, atentigi je tiu broŝuro! Esperanta eldono baldaŭ aperos.

*

Ni laŭdas: Srojn J. Bernhard, del. de „Moka“ en München, kaj A. Bartoloni, ĉef-del. de „Moka“ en Pisa, pro ilia fervorega kunlaboro, Sron F. Huber, del. de „Moka“ en Salzburg, por donitaj informoj ktp.

*

**La kotizo por „Moka“** estas: por Aŭstrujo 5 Koj, Germanujo 4 Mkoj, Italujo 4 Loj, Nederlando 2 Guldoj, Hispanujo 2 Poj, Francujo 2 Fkoj, Anglujo 2 ŝil. ktp.

# Mario, Reĝino de l' Esperantistoj.

Belan ideon prezentis Pro J. M. Decoene, C. Ss. R., al la atenta aŭskultantaro de lia edifa prediko dum sta meso, dirita de li dum la pasinta jaro en la kapelo de la domo de l' katolika subsmajstr-unuiĝo en Wien, kie li restadis preskaŭ du semajnojn, malhelpite de lim-baro, vojaĝi Polujon, al lia nova efikejo. Li, sciu, titolis la stan virgulinon per nova litania titolo: Mario, reĝino de l' Esperantistoj, petu por ni! kaj klarigis detale, kial kaj kiel la katolikaj Esperantistoj speciale honoru Marion. Fine li instigis al starigo de statuo, prezentanta la Dipatrinon kun simboloj de tiu ŝia nova titolo. Lia aktuala propono en la dediĉita al Mario monato Majo tre plaĉis al la aŭskultantoj kaj unu el ili, Sro Chiba, tuj donacis 30 Aŭstr. Kojn por tiucela fondo.

La ideo certe estas inda, esti diskutata dum la kunsidoj de nia VIIa en Graz, kie oni povus intertrakti pri la deca loko por la starigo de tia statuo, pri eventuala konkurenco inter katolikaj skulptistoj ĉiulandaj, penetritaj same de religia spirito kaj de la spirito de Esperantismo, kaj pri la maniero de kolektoj por tiu bela, signifa monumento de katolika religia amo al Mario, kiun ja ankaŭ la Germana Ligo de Kat Esperantistoj jam elektis kiel sian patroninon. Eble Lourdes, la loko, elektita por ne okazinta nia Va, estus la ĝusta loko por tiu statuo, al kiu certe ĉiujare volonte pilgrimus multe da Esperantistoj el la tuta mondo, por preĝi tie, ke Mario, la reĝino de l' Esperantistoj helpu favore, pligloriĝi ŝian Dian filon kaj plenumi Liajn ordonojn ankaŭ per la disvastigo kaj la uzado de nia tutmonda helpa lingvo. Kaj ankaŭ pro iliaj personaj zorgoj kaj interesoj ili elpetus ŝian multefikan propeton en la ĉielo. Tre rapide fariĝus tiam multe uzata krio en mizero por katolikaj Esperantistoj la preĝa alvoko: Helpu nin, Mario, reĝino de l' Esperantistoj!

---

# Apologiaĵoj.

El: Lebensweisheit in der Tasche (Vivosaĝo en poŝo) de Pro Dro Alb. M. Weiss, O. Praed., esperantigis J. Sch., Wien.

## Kredo je Dio, komuna posedo de la homaro.

Jam la antikvuloj, Cicerono kaj Plutarĥo, rilatis al tio, ke ne ekzistas iu popolo, tiom malklera, tiom degenera, al kiu ne restis iu ajn, se eĉ nur tre malforta kaj deformita, memoro je Dio. La novtempuloj asertas, tio ankoraŭ tute ne pruvu, ke fakte ja ekzistas Dio; inter komuna supozo kaj la vero estu ankoraŭ vasta diferenco.

Pri tiu lasta frazo ni nun ne parolu; sufiĉu por ni, ke kredo je Dio ja estas komuna posedo de la homaro, kaj ke eĉ Dion neantoj ne povas neigi ĝeneralan disvastiĝon de tiu kredo. Longatempe oni esploris ĉiujn angulojn de la tero pri popolo bestiĝinta, al kiu

mankas ĉiu religia imago. La plej krudaj barbaroj, kiuj faras festan aferon el kanibalismo, kiuj mortigas siajn maljuniĝintajn gepatrojn, kiuj piedpremas ĉian justecon, ĉian honton, estus bonvenintaj fratoj kaj helpantoj, se ili ja estus komplete sendiaj. Nuntempa Ateismo mem hontas pro tiu nudaĵo, kiun ĝi per tio prezentas sur si, kaj ĝi konfesas, ke ĝis nun certe ne estas asertite kaj ĉiam ja restos ankoraŭ malfacile aserteble, ke tiaj popoloj nuntempe ekzistas. Nur en dikaj nebuloj de t. n. prahistoriaj tempoj, kiam la homoj laŭsupoze estis ankoraŭ transirintaj el besta al pli altaj statoj, pri religio certe ĉe ili ankoraŭ neniu signo estu trovebla.

Ni ne malindigos nin kaj homan indecon ĝis tia grado, ke ni komencu refuti tiun arbitran supozon. Sed kontente ni prenas el tio konfeson, ke oni, por trovi estaĵojn, nenion sciantajn pri Dio, devas forlasi la homaron kaj malleviĝi al bestoj. Tio pleniĝu nin per ia konfido, ke daŭros ankoraŭ longan tempon, ĝis kiam la senkreda scienco forprenis al la homaro konvinkon, ke tiu Dio, je kiu ĝi kredas, fakte ekzistas. Ĉar tion la homaro ne lasas forpreni al si, ke al tezo, kiun ĝi ĉiam kaj ĉie akceptis kiel vera, ne respondu efektivo. En tio ĝi sendube estas prava, ĉar — diras S[ta] Tomaso — kio estas kredata ĝenerale kaj egale, tio ne povas esti io hazarda, ne povas esti io arbitre elpensita, do, ne povas esti eraro, sed devas esence esti ligita kun homa naturo, devas esti fundamentita sur vero.

Do, kiu vidas en komuna kredo de la homaro pruvon por ekzisto de Dio, tiu pli honoras la forton de homa prudento ol, kiu, el kialoj nekonfesataj, tamen tre konataj, prezentas sekretajn dezirojn de koro kiel pli certaj ol la konvinko de la tuta homaro.

---

# La Problemo de Lingvo Tutmonda kaj Historio de la Katolika Esperanto-Movado.*)

Ankoraŭ unu cirkonstanco igis Zamenhof'on prokrasti publikan eliron kun la lingvo: dum longa tempo restis nesolvita unu problemo, kiu havas grandegan signifon por neŭtrala lingvo. Li sciis, ke ĉiu diros al li: Via lingvo estas por mi utila nur, kiam la tuta mondo akceptos ĝin; tial mi ne povas akcepti ĝin, ĝis kiam akceptos ĝin la tuta mondo. Sed, ĉar la „mondo" ne estas ebla sen antaŭaj apartaj „unuoj", la neŭtrala lingvo ne povis havi estonton, ĝis kiam ĝia utileco fariĝos por ĉiu aparta persono sendependa de tio, ĉu la lingvo jam estas akceptita de la mondo aŭ ne. Pri tiu problemo

*) Tiu ĉi traktaĵo verkita de la direktoro de „E. K." 1920, P[ro] F. Meštan, Schol. Piar., kaj parte presita jam en la 12[a] jarkolekto de nia revuo, nun estos regule daŭrigata. La ĝis nun publikigita parto estos havebla por novaj interesuloj en broŝuro, kiu aperos, post kiam la temo en „E. K." estos finita, kune kun la nunaj daŭrigoj.

Zamenhof multe pensadis. Fine la „sekretaj alfabetoj", kiuj ne postulas, ke la mondo antaŭe akceptu ilin, kaj kiuj donas al tute nedediĉita adresato eblon, kompreni ĉion skribitan de iu, se tiu nur transdonas al la adresato la ŝlosilon, — alkondukis lin al la penso, aranĝi ankaŭ la lingvon en la maniero de tia „ŝlosilo", kiu, enhavante en si ne nur la tutan vortaron, sed ankaŭ la tutan gramatikon en la formo de apartaj, tute memstaraj kaj alfabete ordigitaj elementoj, donus eblon al la tute nedediĉita adresato el kiu ajn nacio, tuj kompreni leteron [23]).

Zamenhof finis la universitaton kaj komencis sian medicinan praktikon. Nun li ekpensis jam pri la publika eliro kun lia laboro. Li pretigis la manuskripton de lia unua broŝuro „D^ro^ Esperanto, Lingvo internacia. Antaŭparolo kaj plena lernolibro", kaj komencis serĉadi eldonanton. Sed tie ĉi li la unuan fojon renkontis la maldolĉan praktikon de la vivo, la financan demandon, kun kiu li poste ankoraŭ multe devis forte batali. Dum du jaroj li vane serĉis eldonanton. Kiam li trovis unu, tiu dum duonjaro pretigis lian broŝuron por eldono kaj laste — rifuzis.

Fine, post longaj klopodoj, Zamenhof prosperis, li mem, eldoni sian unuan broŝuron dum Julio de la jaro 1887 [24]). Li estis tre ekscitita antaŭ tio ĉi; li sentis, ke li staras antaŭ Rubikono kaj ke de la tago, kiam estos aperinta lia broŝuro, li ne havos plu eblon, reiri; li sciis, kia sorto atendas kuraciston, kiu dependas de la publiko, se tiu ĉi publiko vidas en li fantaziulon, homon, kiu sin okupas je „flankaj aferoj"; li sentis, ke li metis sur la karton tutajn estontajn trankvilecon kaj ekzistadon lian kaj de lia familio, sed li ne povis forlasi la ideon, kiu eniris lian korpon kaj sangon kaj . . . li transiris Rubikonon [25]).

La pseŭdonimo, sub kiu Zamenhof eldonis sian unuan broŝuron, poste donis la nomon al la verko de lia genio, al la nova lingvo: Esperanto.

---

[23]) En la Unua libro de la lingvo Esperanto Zamenhof montris, kiamaniere li solvis tiun gravan problemon, kaj li klarigis per ekzemploj, kiel oni povas kompreniĝadi per la genia konstruo de Esperanto (dismembriĝo de la ideoj en memstarajn vortojn), kun kiu oni volas. Fundamenta Krestomatio de la lingvo Esperanto de D^ro^ L. L. Zamenhof, paĝo 248 kaj sekv. — [24]) Tiu unua broŝuro estis eldonata por Rusoj. Adam Zakrzewski priskribis ĝian titolan folion en la revuo „Universo", 2-a jarkolekto, paĝo 178-a Sur la paĝo 179^a^ li priskribis la titolan folion de la broŝuro eldonita por Poloj. En la Wien'a Universitato troviĝas la 48paĝa broŝuro eldonita por Germanoj. Varsovio, librovendejo de Gebethner kaj Wolff 1877. Oni jam ne povas konstati, kiam la unuaj Rusaj ekzempleroj povis esti disvendataj en la librovendejoj. Laŭ la cenzurodatoj la Rusa eldono estis permesata la 21^an^ de Majo (1^a^ de Junio) 1887, la Pola la 9/21^an^ de Julio de tiu sama jaro, la Franca dum Septembro, la Germana la 21^an^ de Oktobro, la Angla nur dum la 1880^a^. El la artikolo „Der Keim einer Literatur" (la ĝermo de literaturo), de F. W. Illing en „Wiener Stimmen" (Wien'aj Voĉoj) 1920. — [25]) Preskaŭ laŭvorta eltiro el privata letero de Zamenhof al N. Borovko. Tradukita el la lingvo Rusa de V. G. — „Lingvo internacia", 1896, 6—7. — Esperantaj Prozaĵoj, paĝo 239 kaj sekv

# La Eraro de „Ido“.

II.

Ju pli profunde oni la Ido-sistemon pristudas, des pli oni konvinkiĝas pri ĝia fundamenta eraro, pri la eraro de ĝiaj principoj mem.

En E. K. 1920, p. 274 s., mi vidigis, ke la senkondiĉa principo de maksimuma internacieco estas origina malvirto. Ke, dank' al la senkondiĉeco de tiu principo, oni preterlasis anstataŭi ĝin per pli efika rimedo, por fari la lingvon pli facila kaj pli taŭga por ĉiuj.

Alia fundamenta eraro de la Idistoj estas la principo de la returnebleco de la vortoj, defluanta el la principo de la filozofia ĝusteco, la logika reguleco de la vort-konstruo.

Ekz. ili diras: Se la sufikso -ist indikas la personon, kiu sin okupas je la io esprimita per la radiko, tiam, se oni renkontas vorton finiĝantan per -ist' oni ĉiam devos trovi la ion, pri kio sin okupas la isto, se oni forigas la -ist-afikson.

Do: muzikisto — kiu sin okupas pri muziko; artisto — kiu sin okupas pri arto.

Tiu reguleco en Esperanto ne ekzistas: „socialisto“ ne estas persono, kiu sin okupas pri „socialo“.

Sed, mi ripetas, ke tiu akurategeco ne estas perfektaĵo sed difektaĵo.

Unue, la Idistoj mem tute ne sukcesis, ĉiam konsekvence apliki tiun nesaĝan principon. Ido nur grade, ne esence, diferenciĝas je Esperanto en tiu punkto.

Sed la plej granda akurateco en tiu punkto estas ne-necesa, ĉar la Esperantistoj ne sentas ĝian necesecon; kaj ĝi estas malperfekteco, ĉar oni tiel komplikigas, malfaciligas la lingvon.

La Idistoj forgesis, ke vorto memstara ne ekzistas en lingvo. Eble oni povus konfuziĝi inter: „fripono“, „kritiko“, „krono“, „katoliko“, „hipokrito“ (ne friponulo, nek friponisto — jes kritikulo kaj jes kritikisto, — ktp.); oni povus konfuziĝi per tiaj opaj vortoj, — se ili ekzistas en lingvo! Sed ili ne, tiel ope, ekzistas en lingvo. En lingvo ili renkontiĝas nur enkadrigitaj en tuta frazo, kaj frazo en teksto. Kaj dank' al tiu fakto la vorto restas ĉiam konebla, oni povas ĉiam senpene rekoni ĝian signifon.

Ankaŭ, ĉar ili tiun fakton forgesis, la Idistoj enkondukis, akceptis sufiksojn az, oz, iz, if, k a.

Ili per tiuj nur tute sennecese komplikigis la lingvon, ĉar la vortoj ĉiam sufiĉe klare konservas sian signifon, sen tiu sufiksoj subtilaj, dank' al la frazo kaj la teksto, en kiuj ili troviĝas.

La Idistoj ankaŭ ĉi tie neglektis kaj malestimis la homan pens-kapablon, kiu estas pli „internacia“ ol ilia akurategeco!

Kaj pro tio ili malsukcesis.

Ili malsukcesis, ĉar laŭ la celo ili estis malpravaj.

La celo estas: plejfacileco.

Pro tiu celo la principo de filozofia akurateco en iu grado estas taŭga rimedo.

La Idistoj alprenis tiun principon de filozofia esprim-akurateco, de kiu defluis la postuloj de unusignifeco kaj de returnebleco. Laŭ ilia principo la

Idistoj estas pravaj. Sed laŭ la celo ili estas malpravaj. Ĉar ili preterpasis la celon: ili neglektis, adapti la subalternan principon je la ĉefa principo, el kiu tamen la unua ĉerpas sian valoron.

*

En mia unua artikolo (E. K. 1920, p. 275) la 5a alineo de malsupre: La eraro estas . . . bezonas ian korekton. Mi volis diri: La eraro estas, ke la Idistoj forgesis, perdis el la okuloj la celon de lingvo internacia: la plifacilecon. Sed tiu eraro elfluis el la tre „homa“ difekto, tute ĝenerala, kaj eĉ natura, dank' al kiu oni tro **malforgesas** la rimedon.

Oni forgesas la celon, oni malforgesas la rimedon Oni ne pensas je la celo; oni multe tro oni preskaŭ ekskluzive pensas je l' rimedo. Tio estas la ĝenerala, la tre „homa“ malperfekteco, pri kiu mi volis atentigi.

Oni preskaŭ ekskluzive pensas pri la rimedo, ne atentante tamen, ke ĝi havas valoron nur relativan, ke ĝi estas nur rimedo. Oni pensas pri la rimedo, ne kvazaŭ pri rimedo, sed kvazaŭ pri celo. Kaj tiel oni konfuzigas la rimedon je la vera, la ununura celo.

La homa spirit-limeco kaŭzas tiun konstante okazantan eraron.

Kaj el ĉio tio sekvas, ke la eraro estas kaj tre natura kaj tre pardonebla, sed ankaŭ tre malmulte rimarkata.

Sed kiam oni rimarkis ĝin, oni nepre devas eviti ĝin! Ĉar ĝi kaŭzas fatalan konfuzon!

Gemonde, Nederlando. — Wouter Lutkie, sac.

---

# Petoj kaj Demandoj.

**Esperanto al blinduloj.** Ĉiu blindulo, ĉiu lernante ĉu propagandante Esperanton, ĉiufoje spertis dolore, kia plena manko je Esperanto-literaturo regas en la porblindulaj bibliotekoj, se oni eĉ ne parolas pri tiurilata manko en privataj libraroj de blindaj Esperantistoj. La Esperanta legomaterialo por blinduloj konsistas el la ĉiumonata „unu“ numero de nia punktpresa gazeto. Krom tiu ni havas en la biblioteko en „Blindenerziehungsinstitut“, Wien, II., Wittelsbachstr. 5, kelkajn volumojn de Esperantaĵoj. La Esperanto-movado inter ni per tiu manko kompreneble tre suferas; la lerteco. la fervoro kaj la intereso de niaj blindaj samcelanoj tute ne povas fortiĝi kaj konstantiĝi. Multaj el la blinduloj jam forlasis nian movadon nur pro tiuj malbonaj cirkonstancoj. Tre malfacilige ankaŭ efikas, ke la geblinduloj ne, aŭ almenaŭ treege malfacile, povas viziti konversaciajn kunvenojn de aliaj Esperantistoj. Pro ĉiuj tiuj faktoj kaj malbonaĵoj mi en la nomo de la Aŭstrujaj blindaj Esperantistoj turnas min al ĉiuj vidantaj gesamideanoj, kiuj havas tempon, emon kaj precipe kapablon por tio, petante ilin: Transskribu Braille'n librojn por blinduloj, helpu tiamaniere al nia movado ĝenerale kaj al la bedaŭrindaj homoj speciale. Ĉiajn pluajn informojn kaj konsilojn donos ĉiam tre volonte I. Krieger, Wien, VII., Zieglerg. 25. — Oni ankaŭ povas turni sin senpere al la bibliotheko, Wien, II, Wittelsbachstr. 5.

**Pri liturgiaj Grek-ritaj kantoj dummesaj** deziras ricevi sciigojn S-ro P. L. van Hall en Nymegen, Graafscheweg 41, Nederlando.

---

# Alvoko al mia katolika Gefrataro tutmonda.

Leginte la interesan artikolon en E. K. pri la mondlingva demando, mi decidis alvoki la altestimatajn legantojn de E. K. por jena afabla kunhelpo:

Antaŭ 15 jaroj mi komencis kolekti la literaturon pri mondlingva demando — pli precize la diversajn sistemojn, projektojn kaj tiujn verkojn, kiuj rilatas al la historio, evoluo aŭ plibonigo de ia ajn sistemo. Mi jam kolektis bibliotekon el proksimume 1000 volumoj. Laŭ mia scio ĝis nun tiu kolekto estas la plej granda en la tuta mondo. Mi decidis jam antaŭ la mondmilito, komenci verkadon de granda kaj detala historio pri la mondlingva demando ĝenerale kaj pri la artefaritaj lingvoj speciale. Nur dum la lasta jaro de la milito kaj dum diversaj ribeladoj mi povis komenci la verkadon, kaj mi devas konfesi, ke dum la plej teruraj tagoj ĝi estis mia sola konsolo.

Ĝis nun mi finis la komencan parton kaj la bibliografion. Por ellabori la specialan parton, mi bezonus ankoraŭ multe da materio. Ankoraŭ multaj verkoj mankas al mi; multaj sistemoj ekzistas, kiuj eĉ konataj aŭ nomitaj ne estas.

Mi do, kiel mi jam diris, decidiĝis, alvoki mian gefrataron por afabla helpo, per kiu oni ne nur kompletigi helpos komunan interesan kaj mondfaman arhivon, kiu neniam plu disfalos — ĉar mi decidos pri tio — sed valore helpos ankaŭ la pliperfektigon kaj precizecon de por ni Esperantistoj valora verko.

Mi bezonas:

1e Sciigojn pri la titoloj de haveblaj aŭ havigeblaj verkoj novaj kaj malnovaj (pasigraphia, pasilalia, pasilogia, lingua universalis, steganographia, kryptographia, kryptologia, mondlingvoj, sekretaj lingvoj, ŝtelisto-lingvoj, vagabond-lingvoj, rabist-lingvoj, kompromis-lingvoj, ĵargonoj, artefaritaj lingvoj; pan Slavaj, pan-Germanaj, pan-Romanaj, pan-Ariaj lingvoj ktp.);

2e post mia elekto afablan alsendon de la deziritaj verkoj;

3e alsendon de bibliografioj de la naciaj muzeoj pri tiu temo;

4e serĉadon en diversaj librovendejoj, antikvarioj, por trovi verkojn pri tiu temo;

5e alsendon de laŭeble mallongaj sed precizaj kaj akompanataj de statistikoj kaj tabeloj historioj de Esperanto, Volapük kaj Ido en ĉiuj landoj.

En mia verko mi citos miajn afablajn helpantojn kaj aperigos en la historia parto de la movadoj la nomojn de la verkintoj apud ilia artikolo.

Tre dezirate estas, ke miaj altestimataj gefratoj, kiuj sin intensive interesiĝas pri mia verko, biblioteko kaj precipe pri la ĝenerala historia priskribo de artefaritaj lingvoj, sciigu al mi sian adreson kaj la formon, kiel ili estas pretaj, subteni min en mia komuninteresa laboro (verkado de historia priskribo de la Esperanta, Volapüka aŭ Idoa movadoj; alsendo de bibliografiaj sciigoj; serĉado de verkoj mondlingvaj; donaco aŭ vendo de verkoj ktp.). Mi intencas, kunligi ilin per konstantaj cirkuleroj aŭ rubriko en iu Esperantista revuo. Per tiu metodo mi volas organizi laboron, kiu sendube alportos al nia lingvo moralan kaj sciencan profiton.

Dankante al la estimataj Redaktoro kaj Direktoroj de E. K., ke ili donis al mia alvoko lokon en E. K., mi kore salutas mian gefratoron kaj petas ilin, ke ili bonvolu kiel eble plej energie kaj grandnombre partopreni en tiu vere interesega kaj valora laboro.

Budapest, la 17an de Aŭgusto 1920.

Altestime

Augusto Henriko de Marich,
hungara reĝa polica ĉef inspektoro (majoro), ŝtata polica libro- kaj skribaĵfak-konanto, IX., Üllői út, 59, IV. 8.